


## Pri Kongreso kaj Akademio.

Sinjoro M. Seynaeve ricevis la sekvantan leteron.
Niaj legantoj admiros certe la belan praktikan konsilaron de nia Majstro.
Povu disvastigo de tiu saĝa letero haltigi la novamulojn, la kreantetojn, la mallongigantojn kaj aliajn ĵonglistojn.
De nun ni akceptas tiel la konsilojn de la sola aŭtoritato kiu estas inda gvidi nin, kiel kondukanta regulo.
Kiam ia societo estos preta plenumi la kondiĉojn proponitajn de Doktoro Zamenhof, ĝi ricevos plenan helpon nian; ĝis tiam ni kontraŭbatalados ĉiujn plibonigojn aŭ ŝanĝojn proponitajn, tiel kiel ni jam anoncis.
Kelkaj kunfratoj, sen malbona intenco ni kredas, agas alie; ni multe bedaŭras tiun strangan komprenon de nia afero, sed ni certe ne deziras agadi kiel ili.

Jos. JAMIN.

KARA SINJORO,

Vian ideon pri la arango de internacia kongreso de Esperantistoj mi trovas tute bona. Sed por ke tia kongreso donu al nia afero ne malutilon sed nur utilon, ĝi devas esti aranĝita laŭ la sekvantaj principoj :

1) Ĝi devas esti bone kaj zorge aranĝita, havi multe da partoprenantoj kaj havi la karakteron de granda, solena kaj imponanta *festo* de internacia frateco, por ke la gazetoj de la tuta mondo multe parolu pri ĝi kaj por ke ĝi estu plena de entuziasmo kaj veku en la tuta mondo entuziasmon kaj deziron aliĝi al ni. Krom paroloj oni devas aranĝi komunajn kantojn en Esperanto, eble eĉ ian internacian ludon aŭ publikan konkurson ; oni devas aranĝi en ia granda teatro prezentadon de dramo en Esperanto. Oni devas antaŭe eksciti la interesiĝon de la tuta urbo, por ke al ĉiuj festoj de la kongreso venu grandega multo da gastoj neesperantistoj ; — per unu vorto, oni devas fari grandan *impreson* kaj devigi la tutan mondon paroli pri la kongreso.

2) En la kongreso oni devas paroli pri organizado de nia afero, reciproka helpo en la batalado, pri rimedoj de propagando, pri kreado de granda kaj utila literaturo, k. t. p. ; sed *nenion*, absolute nenion oni devas paroli pri iaj *ŝanĝoj* aŭ «*plibonigoj*» ! Por ke nia lingvo atingu sian celon kaj ne disfalu kiel Volapük, ĝi devas resti por ni absolute *netuŝebla*, tiel same kiel ĉiu alia lingvo, en kiu nenia persono ja kuraĝus proponi iajn reformojn, kvankam ĉiu el tiuj lingvoj estas multe malpli perfekta ol nia.

Nun al la demando pri Akademio. Jam tre longe mi pensas pri aranĝo de ia konstanta «Centra Komitato» kiu prezentus per si la plej altan aŭtoritaton en nia afero kaj kiu sola havus la rajton solvadi ĉiujn dubojn kiuj aperas en nia afero. Sed tia komitato devos decidadi nur pri demandoj *dubaj ;* fari iajn *ŝanĝojn* en la lingvo la komitato *ne* havos la rajton Kun la aranĝo de tia Centra Komitato oni devas esti tre singarda, por ne fari ian danĝeran paŝon ; tial mi nun publike ankoraŭ nenion parolas pri tio ĉi, sed mi konsiliĝados pri ĝi private kun diversaj amikoj. Kiam la plano post matura pripenso montriĝos bona, tiam mi publike proponos al la Esperantistoj efektivigi tiun planon

Sed ĉu Centra Komitato estos fondita aŭ ne — tiu ĉi demando tute ne devas maltrankviligi niajn amikojn. Ĉiaj paroloj pri reformoj aŭ plibonigoj tute ne devas Vin maltrankviligi, ĉar ili havas nenian celon nek estontecon. Ĉu Centra Komitato estos fondita aŭ ne — unu principo staras kaj devas stari tute forte, kaj la tuta mondo esperantista en la nuna tempo komprenas ĝin tre bone kaj certe batalos unuanime kontraŭ ĉiu ektuŝo de tiu principo; tiu ĉi principo estas: *simile al ĉiu alia lingvo Esperanto devas esti rigardata kiel lingvo* FORMITA *kaj* NETUŜEBLA. Paroli pri iaj plibonigoj (se ili estos efektive necesaj) ni povos nur tiam, kiam nia lingvo estos jam *oficiale akceptita* de la tuta mondo. Ĝis tiu tempo la netuŝebleco de la lingvo estas la *plej fundamenta* kondiĉo por nia progresado.

Mi parolas tion ĉi ne kiel *aŭtoro* de la lingvo, sed kiel *simpla esperantisto*, kiu ne deziras ke nia afero disfalu kiel la afero de Volapük. Kiel aŭtoro de la lingvo, mi pli ol ĉiu alia volus ke ĝi estus kiel eble plej perfekta; por *mi* la reteniĝado de plibonigoj estas pli malfacila ol por ĉiu alia; kaj mi eĉ konfesas ke kelkajn fojojn mi jam estis preta proponi al la esperantistoj kelkajn malgrandajn plibonigojn; sed ĝustatempe mi ekmemoradis pri la granda danĝereco de tia paŝo kaj mi forjetadis mian intencon.

Mia opinio ne estas sekreta. Se Vi deziras, Vi povas publikigi mian leteron

Via

Varsovio, 27 Decembro 1903. L. ZAMENHOF.

## Ĉhoj.

Nova pruvo de vera disvastiĝado de nia lingvo okazis antaŭ kelkaj tagoj. Unu el niaj fidelaj abonantoj, Sinjoro Van Volsom, ĝenerala konsilanto de la Belga Turing-Klubo vojaĝis kun amiko en norda Italujo. la vespero de la januara monato, ili ambaŭ ĉeestis al la opero « Rigoletto » ĉe la fama teatro « La Scala » en Milano.

La kurtenego ĵus falis kiam S^ro Van Volsom diris al sia amiko : « Kvankam mi ne parolas Itale, tamen kelkajn vortojn de la lingvo mi komprenis dank' al Esperanto. » Lia amiko ekridis tiel kiel li ĉiam faris kiam oni parolis pri Esperanto; skeptikulo li estis kaj skeptikulo restis. Je la sama momento, voĉo diris klare apud ili : « Ĉu vi parolas Esperanton, Sinjoroj... »

Mirigita, S^ro Van Volsom sin turnis al la posedanto de tiu voĉo, Itala samideano, respondis al li kaj daŭrigis interparoladon tiel bone komencitan. La ne-Esperanta amiko unue malfermis grandajn okulojn, poste li devis konfesi ke efektive Esperanto estas difinita por grave helpi la rilatojn inter homoj; li ne ridis plu ĉar li estis konvinkita.

Ĉu tiu ĉi vera renkonto pruvas sufiĉe ke ni devas ĉiam paroli pri nia afero en ia loko, ĉiam kaj ĉie. Kiam la Franca Turing-Klubo akceptis disvastigi Esperanton, ĝi ekvidis certe ke la servoj kiujn la lingvo alportos, estus tre gravaj; ĝi ekvidis tre bone, kaj mirindajn rezultatojn ĝi jam akiris.

Ĉu ĝia juna frato, la Belga Turing-Klubo, baldaŭ akceptos ankaŭ helpi nin aŭ ĉu ĝi atendos ke ni helpu ĝin ?

* * *

**Avizo grava por turistoj.** — La grupo esperantista de Alĝerio kaj de la Norda Afriko intencas organizi karavanon por ĉirkaŭ tridek iaj turistoj parolantaj Esperanton. Tiu karavano vizitus la plej interesajn lokojn kaj pejzaĝojn en Alĝerio kaj estus, pro ĝia prospero, la plej bona pruvo de la parolebleco de Esperanto inter personoj de diverslingvaj landoj. La karavano okazus ĉirkaŭ la monato majo kaj kostus 500 aŭ 600 frankojn.

Petu detalajn sciigojn de S^ro A. Capé, 17, boulevard Gambetta, Alger, aldonante 50 centimojn (poŝtmarkoj) por la respondo.

* * *

**Multlingva juĝo.** — La ĵura Kortego de la Antverpena provinco juĝis, en decembra monato, la aferon « Uto ».

Uto estas Sicilio juna, kun eniĝanta rigardo kaj energia fizionomio ; li komprenas nek la flandran, nek la francan lingvon.

Li, en frenezema momento, buĉis per revolvero alian Italon kiu kalumniis lian junan edzinon kaj ŝian maljunan patron.

Ĉar la kulpigito estis Itala, por la elmeto de la afero ĉe aŭdienco kaj por la rekvizicio de la publika Kulpiganto, oni devis, leĝe, uzi nur la flandran lingvon ! Tio estas stranga leĝo, sed estas tiela.

La advokatoj de la kulpigito procesis per franca lingvo, tiel kiel permesas tiu leĝo, sed kio estis la plej

ridinda, ĉu oni povas ridi en tiela okazo, tio estis ke iaj atestantoj, ne konante la flandran lingvon, atestis en la franca; oni devis traduki iliajn parolaĵojn unue en flandra lingvo, laŭ postulo de la leĝo, sekve retraduki ilin en la itala!

La flandra rekvizicio de la publika Kulpiganto estis tradukita, iom post iom, dum ĝia eldiro, kaj estis kurioza sceno vidi la nervecon de le kulpigito kiu interŝanĝis siajn impresojn kun la tradukisto.

Kaj, dum la advokatoj france procesis, la tradukisto, ne haltante, klarigis ĉion Itale al sia kalento.

La juĝo, flandre elparolita, estis ankoraŭ tradukita de la laborema tradukisto kiu, feliĉe, parolas la flandran, la francan, la germanan, la anglan, la italan kaj la hispanan lingvojn tre lerte.

Ni komentarios nenion!

Ni nur aldonu ke Uto estas senkulpigita.

***

**Vojaĝinta poŝtkarto.** — La 12$^{an}$ de Decembro 1903, S$^{ro}$ subleŭtenanto L. Jamin ricevis poŝtkarton senditan de li la 7$^{an}$ de Julio 1902 kiu, nur per helpo de Esperanto, revenis post vojaĝo tra la kvin partoj de la mondo.

Al siaj karaj korespondantaj, S$^{roj}$ V. Machuel en Aïn-el-Asker (Tunizio), M. N. P. Evstifeieff en Urga (Mongollando), E. Bardoulet en Insulo Nou (Nova Kaledonio) kaj D$^{ro}$ F. Villareal en Lima (Perulando) la ricevinto adresas siajn varmegajn dankojn.

***

Nia amiko, komandanto Ch. Lemaire, ĉiam bonege fartas en Kongolando. En la lasta letero kiun ni ricevis de li, li skribis (18$^{an}$ de Oktobro) ke eble ankoraŭ dum longa tempo li devus restadi en Afriko; aliparte, artikolo en « La Chronique Coloniale », traktanta per tre laŭdaj vortoj pri lia ekspedicio, certigas ke tre baldaŭ li revenos Belgujon.

## Japanoj kaj Rusoj.

En decembro 1903 generalo Poljanovskij, estro de topografistoj en Amurlando raportis al la geografia societo en Ĥabarovsk sur Amur pri siaj astronomiaj laboroj en Manĝurlando kaj Korea duoninsulo. Interalie li komunikis pri sia kuriozinda interparolo kun la estro de unu Korea urbo. *Kvin homoj* devis partopreni en la interparolo pro la reciproka nescio de komune komprenebla lingvo. La Korea estro, scianta nur sian patran lingvon parolis Koree, la Japana konsulo, nescianta Eŭropajn lingvojn tradukis liajn vortojn Japane por sia tradukisto, la lasta ripetis la frazon Angle, Rusa marista oficiro tradukadis la samon en la Rusa lingvo por generalo Poljanovskij. La respondon de S$^{ro}$ Poljanovskij la sama oficiro tradukis en Ĥina lingvo por mallongigi interparolon, ĉar la Japana konsulo komprenis tiun ĉi lingvon, sed ne parolis en ĝi; fine la konsulo komunikadis la respondon al la Koreano.

« *Longe ni interparolis, sed tre malmulte estas dirite!* » kun ekĝemo konkludis la parolanto ĉe gajaj ridetoj de l'aŭdantaro.

Estas interesinde, ke generalo Poljanovskij antaŭ nelonge montris sin kontraŭulo de la ideo pri la internacia neŭtrala idiomo!

S. POLJANSKIJ.
el Ĥabarovsk s/Amur.

## Kzantipo.

Sinjorino Sokrates, naskiĝinta Kzantipo, ne apartenis al la kontraŭularo de la liberigo de l' virinaro!

De antaŭ ŝia edziniĝo oni konsideris ŝin kiel persono, kiu posedas ĉiujn ecojn por malagrabligi kiel eble plej multe la vivon de sia edzo. Ŝajnas ke Sokrates tre bone sciis tion, ĉar, ian tagon, li donis la sekvantan respondon al Antistenes kiu lin demandis kial li estis elektinta tian furiozulinon: « Mi ŝin prenis kiel edzino por havi la certecon ke, se mi povus bone mastrumi kun ŝi, mi sendube estu en la ebleco agi tiel ĉiuspecoj da homoj. »

Iam la filozofo estis invitinta kelke da siaj amikoj por pasigi du aŭ tri agrablajn horojn.

Ĉu tio okazis dum la tempo de ĉiopurigado, mi ne scias, sed, en la tiama tago, lia edzino bruegis tiel terure, ke la bonulo juĝis konvene iri eksteren kun siaj gastoj por spiri iom da aero, kaj en la momento kiam li eliris el la pordo, Kzantipo ĵetis el supreneta ĝa fenestro artefaritan akvofalon sur lian kapon.

Sokrates ridis kaj al siaj amikoj diris: « Mi ja pensis ke, post tiom da tondro, falos pluvo! »

El la lingvo flandra tradukis: A. CASSIERS,
Komercisto, Antverpeno, Belgujo.

Eltirita el la rondiranta gazeto « Kunfratiĝo ».

## Steloj forkurantaj.

Ĉiuj korpoj enhavataj en la spaco de nia planeda sistemo, ĉu grandegaj kiel Jupitero, ĉu mikroskopaj kiel sablaj atomoj, estas regadataj de la suno. Grupoj kiuj konsistas el milionoj da malgrandaj planedoj, rondiras ĉirkaŭ nia planedara reĝo, formante grandegan kaj forcentran elipson, laŭ la leĝoj eltrovitaj de l' senmorta Kepler. (*)

La amaso plej bela el ĉiuj tiuj meteoretoj (tiel nomitaj de l' astronomiistoj), estas sendube Leonidoj, kies paso kruciĝos kun tiu de l' tero ĉe ĉiu trijara periodo. Kiam nia tero trairas la diritan amason da planedetoj ĝi altiras al si multegon da ili, kaj ni povas vidi la belegan fakton nomitan « stelpluvado ».

La meteoretaro estas tiel longa ke ĝi bezonas pli ol unu jaron por pasi tra la preciza punkto de sia kruciĝo kun la terelipso. Kiam malofte la tero trairas la meteoretaran kapon, nia planedo povas efektivigi sian rondon antaŭ ol estas pasinta la tutamaso, kiu estas longa milcent milionojn da kilometroj, kaj tiam ĝi povas renkonti denove la planedamason en ĝia posta rando.

Sed tero konsumas ĉe ĉiu renkonto treegan nombron da meteoretoj ; tial la grandega familio malgrandiĝas iom post iom kaj tago alvenos kiam la stelpluvado finiĝos. Tamen mi pripensas pri tio ĉi kaj mi diras al mi mem :

Kia feliĉo se mi ne vidus plu stelpluvadon pro tiu kaŭzo !

A. L. VILLANUEVA, profesoro,
Murcia, Hispanujo.

Teksto eltirita el la rondiranta gazeto « Kunfratiĝo ».

## Nuntempaj pensoj.

1. Kion ni estimas plej multe ? — La saĝon.
2. Kio alportas al ni gloron ? — L'indeco.
3. De kio ni foriras ? — De l' peno.
4. Kun kio ni plej multe laŭdiĝas ? — Kun nia kapableco.
5. Kion ni plej multe amas ? — La pasion.
6. Kio estas por ni plej sankta ? — La religio.
7. Kio nin timigas ? — La spiono.
8. Kion ni plej multe faras ? — La erarojn.
9. Kio nin frenezigas ? — La mono.
10. Kion ni konservas ? — Niajn malsaĝojn.
11. Kun kio ni plej multe mensogas ? — Kun nia mieno.

El la Bulgara lingvo tradukis.
I. DAVIDOV.

## Malfeliĉo.

(DE N. LEJKIN).

La vespero proksimiĝas. La sesa horo jam estas forpasinta. En la strato vagas juna, bela kaj ornamvestita vilaĝanino en blua drapa mantelo. Ŝi turnas en la manoj pecon da papero, kiun ŝi proponas legi al la renkontataj loĝantoj de somerdomoj. La vilaĝanino estas ĉarma : plenkorpa, blanka, rozvanga ; ĉe l' parolado brilas perlamotaj dentoj. Ŝi serĉas iun laŭ la skribita adreso. La viroj okulmanĝegas ŝin, longe postrigardas ŝin kaj nevole ekkrias :

— Jen vilaĝanino ! Kiel Dio povas krei tiajn virinojn !

El la ĝardena pordeto montriĝis nejuna komercisto. Li elmetis sangulton, pasigis la manon sur la dikan ventron kaj diris :

— Jen ni estas, pro la boneco de Dio, sataj post nia justa laborado !

La vilaĝano aliris. La komercisto, ekvidinte ŝin, faris larĝan rideton.

— Kiun vi serĉas, virino ? li demandis.

— Jen l'adreso, ŝi diris. La rotestran edzinon Podpjadkina. Mi serĉadas ŝin, sed sen rezultato. Mi estas plene elturmentita. Mi ne trovas ŝin... eble pro tio ke ŝi ne estas vera rotestra edzino... jes... sed kiajn homojn mi trovas tie ĉi ! Senhontuloj, senhontuloj, kaj nenio pli ! Oni legas l'adreson kaj tuj oni komencas altrudi min. Je Dio ! diris ŝi ridetante.

La komercisto rerigardis por vidi, ĉu lia edzino ne estis en la ĝardeno, kaj trapetis la dorson de l' vilaĝanino.

— Sed ĉu oni povas ne altrudi cin ? li diris. Vidu kiel bela ci estas ! Nu, jen... la plej proksima vojo estas tra tiu ĉi arbareto...

La virino faris protestan geston.

— Ne, ne, sinjoro komercisto, mi ne iros kun vi ! Mi preferas ke vi montru, kien iri. Mi trovos mem la vojon. Oni jam kondukis min tra tiu ĉi arbareto........ !

La virino ekkraĉis.

(*) Ĉiu planedo movas sin tiamaniere ke, desegnante de ia punkto de sia ekliptiko ĝis la suno rektan linion, ĝi pasas tra egalvaloraj supraĵoj dum egalaj tempoj.

— Kaj kia homo ! aldiris ŝi. Kun pajla ĉapelo, kun okulvitroj, la vangharoj grisaj... kia homo !

— Sed kio fariĝis ?

— Kio ? Li min kondukis kvazaŭ konvenulo, kaj poste komencis ŝerci kaj pinĉi al mi la vangojn. Mi estas virino edziniĝinta. Mia edzo havas legumtenejon en Viborgskaja. Ekster tio ni vendas tolon. Ni ĝin veturigis printempe el la vilaĝo, kaj nun mi devas serĉadi la pagon. Se mi ĝin ne ricevos, li batos min. Li estas severa viro. Vi, sinjoro komercisto, havu kompaton je mi, kaj se vi scias l' adreson, montru ĝin al mi.

— Ci sola ne trovos ĝin. Tio ĉi estas nesto ne priskribebla. Mi montros ĝin al ci. Mi estas homo edziniĝita, kaj ci ne devas timi min.

La virino rigardis lin suspekte.

— Ĵuru ke ci min ne ofendos en la vojo, ŝi diris.

Mi ĵuras. Mi ne tuŝos cin eĉ per la fingro.

Ili sin metis en la vojon. Ili sin direktis en strateton, sed post kelkaj momentoj la vilaĝanino elkuris el tie.

— Akulino ! kien ci kuras, malsaĝulino ? li kriis.

— Ne, sinjoro, mi serĉos iun alian, diris la vilaĝanino ree balancante la kapon... Ŝi haltiĝis en la strato, senespere rigardis la papereton, tenante ĝin renversite.

Apud ŝi aperis plenaĝa junulo kun gimnaziana ĉapo sur la kapo kaj kun fiŝkaptilo en la mano.

— Ĉu vi ne scias, sinjoro, kie mi povas trovi tiun ĉi lokon ? turniĝis al li la virino timeme. Mi ne scias legi kaj mi serĉadas sen fino.

La junulo malfermis buŝon ridetantan.

— Tia bela virino, kaj ne scii legi ! Aj-aj-aj ! Kia belulino ! Ĉu ci volas ke mi cin lernigu legi ?

— Ho, al kio tio ĉi... Havu la komplezon montri al mi la vojon.

— Ci sola ne trovos ĝin. Preter tio, oni havas tie mordemajn hundojn. Ili cin atakos. Ni iru kune, mi cin akompanos, mi ankaŭ devas tien iri.

— Ne, ne, por nenio en la mondo ! ekkriis la vilaĝanino kaj ĵetiĝis flanken.

— Malsaĝulino ! Mi ja iras kapti fiŝojn ! Mi havas saman vojon por fari. Jen, ni havas nur eniri en tiun strateton ! postkriis al ŝi la junulo.

La virino iris ne returnante la kapon. La gimnaziano kaj la komercisto sekvis ŝin unu post l' alia de malproksime.

— He, juna homo, kiel vi volis ofendi tiun ĉi virinon ? kriis al li la komercisto.

— Mi petas pardonon, mi eĉ ne pensis fari tion ĉi, diris la junulo konfuze.

— Vi ne pensis ? Kia malordo ! Ĉu bela virino ne havas la rajton montriĝi en la strato ?

La virino apudiĝis al kolportisto, kiu portis siajn komercaĵojn.

— Legu al mi, mi petas, tion ĉi, mi havas trovi rotestredzinon.

— Rotestredzinon ? Sed ci mem estas pli bela ol ĉiuj estredzinoj ! diris li, rigardante ŝin. Kie ci prenis tiun ĉi belecon ? Kion oni manĝigas al ci ?

La kolportisto ekkaptis ŝian flankon. La virino desaltis.

— Kion ci havas ? diris li. Mi ja ne estas lupo. Nu bone, donu la paperon, mi ĝin legos.

Ŝi donis la paperon. La kolportisto longe turnis ĝin en la manoj, movis la lipojn kaj fine redonis ĝin.

— Nelegeble ! li diris. Sed ni faros jenon. Ni iros kune en la tetrinkejon kaj tie, ĉe l' tepreno, ni demandos l' adresaton.

— Ne, ne ! Al kia teo ? Mi estas edziniĝinta virino. Mia edzo min atendas kaj min insultos.

— La edzo havu paciencon ! Ni antaŭ ĉio eltrinkos boteleton da biero... Ci estas tre delogema virino... estus pekego ne rigali cin.

Tiun ĉi scenon ekvidis simivizaĝa loĝanto de somerdomo.

— Kion ci volas, mia karulino ? diris li mallaŭte alirinte kaj etendinte la manon al la papereto. Oni cin ofendas ? Eniru en tiun ĉi ĝardeneton por fari ripozon sur tiu benko. Mi deĉifros l' adreson kaj ĉion klarigos al ci. Kaj ci, malsaĝulo, for de tie ĉi ! Kial ci malfermegis la buŝon ? ekkriis li al la kolportisto.

L' okuloj de l' simivizaĝulo elmetis fajrerojn, la suba lipo tremis. La vilaĝanino rigardis lin suspekte kaj enpensiĝis.

— Ne, sinjoro, ŝi diris. Mi demandos tie, en la magazeno ; kaj ŝi malapudiĝis.

Poste ŝi, en la malproksimo, sekvis unu post l' alia, la komercisto, la junulo, la kolportisto kaj la simivizaĝulo. Ili returnis ĉiam momenton la kapojn kaj malbonintence interrigardis sin.

Apud pordego staris griz-longhara viro sen ĉapelo. Rimarkinte la belan virinon, li komencis ŝin rigardi deflanke kaj ekridetis. La virino aliĝis kaj donis al li la papereton.

— Ci volas ke mi legu al ci l' adreson, ci, Babilona sireno ? diris li prenante la paperon. Bone, bone, mi legos ĝin... Sed, ĉu ci scias, mia kara... mi ne havas apud mi l' okulvitrojn... Eniru ĉe min, mi trovos ilin, kaj mi legos cian dokumenton.

La maljunulo malfermegis la pordeton. La vilaĝanino ekkaptis l' adreson kaj forkuris al la stratmezo.

— Ho, mia Dio ! ekkriis ŝi. Kiom malfeliĉa mi estas, ke mi ne povas trovi decan homon ! kaj en ŝiaj belaj okuloj ekbrilis larmoj.

Dume, haltiĝinte en vico en l' aleo, ŝin rigardadis la komercisto, la gimnaziano, la kolportisto, la simivizaĝulo kaj la maljunulo, kvazaŭ ili volis engluti ŝin per l' okuloj.

El la rusa lingvo trad. A. KOFMAN,
el Odessa.

# Esperantaj Verkoj.

## Lernolibroj kaj Literaturo.

Laŭ peto de kelkaj abonantoj, ni enpresos, unu sola fojo, la titolojn de ĉiuj libroj kiuj formas la Esperantan bibliotekon kaj al kiu oni povas sin turni por akiri ilin. — En estonteco, ni enpresos sub tiu ĉi speciala rubriko titolojn de ĉiuj libroj kiuj aperos pri Esperanto.

*Notu bone.* La montritaj ciferoj estas la kosto ĉe la vendistoj. Oni devas aldoni la sendpago kiam oni deziras ricevi la librojn poŝte.

Tre zorge skribu legeble la adreson kiun vi trovos en komenco de ĉia paragrafo.

Ĉiam peto de sciigoj aŭ informoj estu sendota kun poŝtmarko por respondo.

Kun ĉia mendo oni devas aldoni pagon de la libroj menditaj.

### LIBROJ ELDONITAJ DE HACHETTE KAJ K$^{io}$ 79, B$^{d}$ S$^{t}$ GERMAIN, 79, PARIS.

**En Francujo kaj Belgujo** : Ĉe ĉiuj tenejoj ĝiaj.
**En Anglujo** : Review of Reviews, Mowbray House, Norfolk street, London W. C.
**En Italujo** : Raffaello Giusti, 53, Via Vittorio Emanuele Livorno.
**En Hispanujo** : J. Espasa, 579, Calle de las Cortes Barcelona.
**En Germanujo** : Möller & Borel, Prinzen-strasse, 95, Berlin.
**En Polujo** : M. Arct, 53 Nowy Swiat, Warszawa.
**En Danujo** : Andr. Fred. Höst & Sön Kjöbenhavn.
**En Belgujo** : *Bruxelles* : Spineux, 86, Montagne de la Cour ; *Anvers* : Librairie Centrale, rue Leys ; Librairie O. Forst, Place de Meir ; Nederlandsche Boekhandel, 50, Marché St-Jacques ; Librairie Ackermann, 29, Place Verte ; Librairie Roelans, 4 rue St Pierre ; *Gand* : Librairie Van Goethem, rue des Foulons ; *Louvain* : Librairie Uystpruyst, rue de la Monnaie ; *Courtrai* : Librairie Vermaut, rue Longue des Pierres ; *Bruges* : Librairie Witteryck, Nouvelle Promenade, 4 ; *Liége* : Librairie Gnusé, 51, rue du Pont d'Ile.

### KOLEKTO ESPERANTA APROBITA DE D$^{o}$ ZAMENHOF.

| | |
|---|---|
| **Grammaire et exercices de la langue internationale Esperanto**, par L. de Beaufront | 1 fr. 50 |
| **Corrigé de « Grammaire et Exercices »**, par L. de Beaufront | 0 fr. 75 |
| **Thèmes d'application**, *Lexicologie Syntaxe*, *Formation des mots de l'Esperanto* (avec le vocabulaire des mots employés), par L. de Beaufront | 2 fr. 00 |
| **Ekzercoj de aplikado**, *Leksikologio*, *Sintakso*, *Vortfarado Esperantaj*, de L. de Beaufront | 1 fr. 00 |
| **Dictionnaire Esperanto-Français**, par L. de Beaufront | 1 fr. 00 |
| **Vocabulaire Français-Esperanto**, par Th. Cart, Merckens et P. Berthelot | 2 fr. 50 |
| **Commentaire sur la Grammaire Esperanto**, par L. de Beaufront | 2 fr. 00 |
| **L'Esperanto en 10 leçons**, par Th. Cart et M. Pagnier | 0 fr. 75 |
| **Corrigé de « L'Esperanto en 10 leçons »**, par Th. Cart et Procureur | 0 fr. 50 |
| **Premières leçons d'Esperanto**, par Th. Cart | 0 fr. 30 |
| **Texte synthétique des règles, préfixes, suffixes et expressions de l'Esperanto**, par L. de Beaufront. | 0 fr. 50 |
| **Esperantaj Prozaĵoj**, kolekto da tekstoj nur Esperantaj, de plej bonaj aŭtoroj | 2 fr. 50 |
| **Hamleto**, tragedio de W. Shakespeare (en Esperanto), de D$^{r}$ L. Zamenhof, nova eldono | 2 fr. 00 |
| **Diversaĵoj**, rakontoj tradukitaj el L. Lemaître, J.-H. Rosny, Auriol...., par Lallemant et Beau | 1 fr. 50 |
| **Monadologio**, de Leibnitz, trad. de E. Boirac, recteur de l'Université de Dijon | 0 fr. 60 |
| **Vocabulaire Français-Esperanto des mots spéciaux à la philatélie, avec modèles de lettres**, par René Lemaire | 0 fr. 40 |
| **Prime lezioni d'Esperanto** di Th. Cart, tradotte dal conte Albert Gallois. — Prezzo. | L. 0,40 |
| **Anfangsgründe der Esperanto-Sprache**, von Th. Cart, und Hermann Jürgensen. — Preis : | M. 0,30 |
| **First Lessons in Esperanto**, by Th. Cart, done into English by Joseph Rhodes. — Price : | 6 pence |
| **Preĝareto** por Katholikoj en Esperanto (avec imprimatur de l'autorité ecclésiastique), par L. de Beaufront | 0 fr. 75 |
| **The Student's complete texte Book**, by J.-C. O'Connor | 1 fr. 90 |
| **Komercaj Leteroj**, par Lambert | 0 fr. 50 |
| **Fundamenta Krestomatio** de L. Zamenhof | 3 fr. 50 |
| **Esperanto : The student's complete Text-Book** with two vocabularies by J. C. O. Connor B. A. | 1$^{s}$ 7$^{d}$ |
| **English-Esperante dictionary** by J. C. O. Connor B. A. | 2$^{s}$ 6$^{d}$ |
| **Primeras lecciones de Esperanto** de Th. Cart y L. Villanueva | fr. 0,40 |

### LIBROJ ELDONITAJ EN BELGUJO

ĉe la librejoj superdiritaj en Belgujo.

| | |
|---|---|
| **Het Esperanto in tien lessen**, door A. J. Witteryck | fr. 0,50 |
| **Kelkaj floroj Esperantaj**, Ilustrita legolibro de A. J. Witteryck, unu numero | 0,20 |

LIBRO ELDONITA EN HOLANDO.

**Volledig Leerboek der opkomende wereldtaal Esperanto**, door Dreves Uitterdijck, Trompschool Hilversum (Holland). Prijs fl. : 1.50 (fr. 3.25) ĉe la aŭtoro.

ESPERANTA KOLEKTO DE L. I.

27, boulevard Arago, Paris kaj en Belgujo ĉe la librejoj superdiritaj.

N° 1 **Kurioza Sunhorloĝo**, de S. Poljanskij, kun 4 figuroj kaj 2 kalkul-tabeloj . . . . . . . . . fr. 0,35

N° 2 **Esperanta Frazlibro de l' Turisto**, 400 utilaj frazoj en Esperanto kun tradukoj angla, franca, germana, hispana, itala, (el jarlibro de Franca Turing-Klubo) kaj adresaro de diverslandaj Grupoj Esperantistaj . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . fr. 0,50

N° 3 **Esperanta Sintakso** laŭ verkoj de S^ro^ Doktoro Zamenhof kaj aliaj en Esperanto, de P. Fruictier, ĉefredaktoro de « Lingvo Internacia » . . . . . . . . . . . . . . . . . . fr. 1.50

(Daŭrigota).

**AVIZO.** — Tiu ĉi rubriko ni daŭrigos laŭ apero de novaj libroj.

La Esperantistoj de ĉiuj landoj povas peti senpagan enskribon post sendo de ia presita verko. Ili povas ankoraŭ informi nin pri forgesata verko aŭ pri eraro.

La redakcio.

---

## *Antverpena Grupo Esperantista.*

ESTIMATA SAMIDEANO,

Ni havas la honoron sciigi al vi ke, pro la gravaj progresoj de Esperanto dum la jaro 1903, la komitato de l' Grupo kredis necesa anstataŭi sian, por tiel diri, provizoran organizon per organizo tute definitiva.

Por plenumi tion, la sekvantaj aranĝoj estas faritaj en kunsido de 5ª de januaro :

1ᵉ La eksiĝo, proponita de S° VAN LANGERMEERSCH, de liaj vicprezidantaj funkcioj, estas akceptita;

2ᵉ S^oj^ Ernest LECLERCQ kaj Oscar VAN SCHOOR estas elektitaj komitatanoj ;

3ᵉ La komitato definitive estas ordigita tiel kiel estas montrota en la ĉi malsupra nomaro ;

4ᵉ Dezirante tute speciale danki, pro la grava apogo kiun ili donis al Esperanta kaŭzo, S^ojn^ Lucien BLANJEAN, Joseph JAMIN, Charles LAMBERT, Charles LEMAIRE kaj Maurice SEYNAEVE, la Komitato nomis ilin honoraj membroj de l' Grupo.

### Nomaro de l' komitatanoj.

Prezidanto : S° Raymond VAN MELCKEBEKE, Doktoro de sciencoj, 22, avenue des Arts ;
Vicprezidanto : S° Oscar VAN SCHOOR, Farmaciisto, 14, rue Vondel ;
Sekretario-bibliotekisto : S° Léopold JAMIN, Subleŭtenanto, 92, avenue Isabelle ;
Sekretario-raportisto : S° François DUPONT, Subleŭtenanto, 54, rue Rodolphe ;
Kasisto : S° Ernest VAN DEN KERCKHOVE, Komisiisto-ekspedisto, 20^bis^ rue de Jésus ;
Komisaro : S° Jean COOX, Kontisto, en Duffel'o.
Membroj : S^oj^ Jules COMEIN, Farmaciisto, 24, Marché aux souliers,
Louis JANSEN, Komercisto, 43, rue Van Artevelde,
Ernest LECLERCQ, Doktoro de medicino, 8, place de la Comédie,
François VAN PELT, Farmaciisto, 23, Marché aux bœufs.

---

Hodiaŭ, nia Grupo enhavas 128 membrojn (80 sinjorojn kaj fraŭlojn, 48 sinjorinojn kaj fraŭlinojn) kaj ni plezure uzas la nunan okazon por varme danki ĉiujn kiuj, en niaj malfacilaj komencoj, bone volis doni al ni sian apogon kaj ni esperas ke ili daŭrigos subteni nian propagandon de internacia lingvo Esperanto.

De nun, la kunvenoj okazos ĉiumarde de la 8 ½ª horo ĝis la 10ª. Ni petas vin ĉeesti en la kunvenoj kiel eble plej ofte por perfektigi vin en nia kara lingvo Esperanto.

Laŭ demando de multnombraj membroj, ni donas ĉi malsupre la bibliotekan regularon kaj la enhavon de nia biblioteko. (*)

Ni petas la helpon de ĉiuj niaj amikoj por ankoraŭ pliriĉigi nian malgrandan libraron per donaco de libroj aŭ revuoj skribitaj pri aŭ per Esperanto kaj ni ricevos ankoraŭ kun plezuro kaj dankemeco la monajn oferojn por la subtenado de nia propagando.

Fine, ni sciigas al vi ke, kun la helpo de nia samideano S° Climan, fotografisto, la Grupo eldonis belegan propagandan poŝtkarton kies ekzempleroj estos riceveblaj ĉiumarde en nia kunvenejo (unu cento, 3 frankojn, unu deko, 40 centimojn), aŭ sinturnante skribe al nia sekretario, sendante prezon kaj sendan elspezon.

Volu ricevi, estimata samideano, la certigon de niaj tre koraj sentoj,

Je l' nomo de l' komitato,

La prezidanto,
(s) R. VAN MELCKEBEKE.

La sekretario,
(s) L. JAMIN.

(*) Pro manko da loko ni ne povas reprodukti tiun aldonon.

# Principaux Manuels en langue française.

*en vente aux dépôts de la Maison* Hachette & C[ie] *et chez* Spineux & C[ie] *à Bruxelles.*

**Grammaire et exercices de la langue Internationale Esperanto** par L. de Beaufront. — Prix 1.50 frc (port en plus.)
**L'Esperanto en 10 leçons** par Th. Cart et M. Pagnier. — Prix 0.75 (port en plus.)
**Dictionnaire Esperanto-Français** par L. de Beaufront. — Prix 1,50 (port en plus)
**Vocabulaire Français-Esperanto** par Th. Cart, M. Merckens et P. Berthelot. Prix 2.50 (port en plus.)
**Thèmes d'application** par L. de Beaufront. — Prix 2.00 (port en plus),

# Nederlandsche Handboeken.

Bij den schrijver te Hilversum (Holland) — **Volledig Leerboek der opkomende wereldtaal Esperanto**, door Dreves Uitterdijck, Trompschool, Hilversum. — Prijs : fl : 1.50 (3.25 fr.) verzendingskosten daarboven.
Bij den drukker van *La Belga Sonorilo*, Nieuwe Wandeling, 4, Brugge : **Het Esperanto in tien lessen**, aan fr. 0,50.

La « *BELGA SONORILO* » acceptera des annonces qui devront satisfaire aux conditions suivantes :
1° Etre rédigées exclusivement en Esperanto ;
2° Emaner de personnes s'engageant à correspondre en Esperanto ,
3° Les annonces doivent être prises pour une année entière.

1/16 de page annuellement fr. 8.00
1/8 » » » » 15.00

*De* «BELGA SONORILO» *aanveerdt aankondigingen die aan de volgende voorwaarden moeten voldoen :*
*1° Opgesteld zijn uitsluitelijk in Esperanto ;*
*2° Gegeven zijn door personen die zich verplichten in Esperanto te schrijven ;*
*3° De aankondigingen moeten genomen worden voor een gansch jaar.*

*1/16 bladz. jaarlijks fr. 8.00*
*1/8 » » » 15.00*



# L'ESPERANTO

## Solution du problème de la Langue Internationale auxiliaire.

PROPAGANDA BROŜURO ELDONITA DE LA BELGA SONORILO.

Ni varmege rekomendas tiun broŝuron.
Volu mendi ĝin ĉe S[ro] L. Vandersleyen, 31, rue des Patriotes, Bruxelles.

| | | | |
|---|---|---|---|
| PREZOJ : | Unu ekzemplero | 0.15 fr. | Afrankite. |
| | 10 ekzempleroj | 1.00 » | » |
| | 20 » | 1.50 » | » |
| | 50 » | 3.00 » | » |
| | 100 » | 5.00 » | » |

Flandra broŝuro « Het Esperanto » kostas samajn prezojn.

Ĉia mendo estos plenumita tuj post ricevo da mono.
Oni akceptas la Belgajn kaj Francajn poŝtmarkojn por negravaj petoj.

## Praktika Revuo de Komercaj Sciencoj.

Redaktita en Franca lingvo sub la direkcio de Sinjoro O. Orban, profesoro de la Universitato de Lieĝo. — Eliras ĉiumonate dum naŭ monatoj, de la 15ª de Oktobro ĝis la 1ª de Aŭgusto.

**Unu numero :** 1.00 franko.
**JARA ABONO : Belgujo :** 5.00 frankoj.
**Alilando :** 7.50 frankoj.

**Sin turni al la Direktoro, 26, rue Basse Wez,**
LIEĜO (LIÉGE).

## SPINEUX & C^IE

**FREMDA LIBREJO — FONDITA EN 1833**

**62, Montagne de la Cour**

**BRUSELO.**

Telefono 3688 — Telefono 3688

## Libroj eldonitaj de HACHETTE & C^IE

Vendas ĉiujn esperantistajn librojn kaj, ĝenerale, ĉiujn librojn verkitajn en ia lingvo.

KORESPONDANTOJ EN ĈIUJ ALIAJ LANDOJ.

**ONI KORESPONDAS ESPERANTE.**

## LA PERILO DE LA GAZETISTARO.

**(L'INTERMÉDIAIRE DE LA PRESSE).**

**15, rue S^te Gudule, BRUXELLES.**

Legas, tradukas, detranĉas ĉiujn ĵurnalojn, gazetojn kaj revuojn de la tuta mondo kaj sendas, el ili, ekstraktojn pri ĉiuj objektoj.

Ĉiu kiu deziras interesadiĝi je ia demando, abonas « l'Intermédiaire de la Presse. »

Prezarojn pri abonoj oni sendas laŭ demando.

Oni korespondas en Esperanto.

## Le Cartophile Illustré

MONATA BULTENO DE LA ILUSTRITA POŜTKARTO

**ABONPAGOJ : Franclando. 3,50 frankoj jare. -- Alilandoj. 4.00 frankoj jare.**

**7, Rue de Lille, PARIS.**

## The Cosmopolitan Correspondence Club

— *INTERNACIA ORGANISMO* —

**Organo : « THE GLOBE TROTTER ».**

Alvokas membrojn el ĉiuj landoj. — Pri pli detalaj informoj sin turni rekte al « *The Secretary of the C. C. C.* » Milwaukee. Wisconsin. U. S. A.

✻ KOMERCEJO ✻

## JULES BONTE

RUE DES BOUCHERS, 55

BRUGES.



Tuta aranĝigo de presejoj. — Fabrikado de maŝinoj por presi. — Ĉiuj iaj specoj da literoj kaj duailoj. — Broĉiloj per nikelfadeno, altranĉiloj, premiloj por atlasigi, numerigiloj, inkoj, kliŝaĵoj, k. t. p.

**Post peto, oni sendas, senpage, modelojn kaj prezarojn.**

## KELKAJ FLOROJ ESPERANTAJ.

Ilustrita Legolibro

DE A.-J. WITTERYCK.

| | |
|---|---|
| **Prezoj por unu numero** | En Belgujo : franko : 0,20<br>En eksterbelgaj landoj : fr. 0,25 |
| **Prezoj por kvin numeroj** | En Belgujo : franko : 0,75<br>En eksterbelgaj landoj : fr. 1,00. |

*Sin turni al* A.-J. WITTERYCK, BRUĜO.

## « La Belga Sonorilo »

UNUA JARKOLEKTO.

PREZO : Belgujo : 2,50 frankoj.
Alilando : 3,00 frankoj.

**Sin turni al S^ro M. SEYNAEVE, 3, rue de l'Avenir,**
COURTRAI.

## ESPERANTA KOLEKTO DE L. I.

Verkoj zorge elektitaj kaj en plej regula Esperanta stilo.

N-ro 1. **Kurioza Sunhorloĝo**, de S. Poljanskij, kun 4 figuroj kaj 2 kalkul-tabeloj . . . . . . . . . **0f 50** centim.

N-ro 2. **Esperanta Frazlibro de l' Turisto**, 400 utilaj frazoj en Esperanto kun tradukoj angla, franca, germana, hispana, itala; adresaro de la diverslandaj grupoj kaj societoj Esperantistaj prezaro de lernolibroj, propagandiloj, k. t. p. . **0f 50** centim.
*Por membroj de S. I. R.* . . . . . . . . **0f 35** centim.

N-ro 3. **Esperanta Sintakso** laŭ verkoj de S-ro Doktoro ZAMENHOF kaj aliaj, en Esperanto, de P. Fruictier, ĉefredaktoro de « Lingvo Internacia » . . . . . . . . . **1,50** fr.

Poŝtmarkoj estas akceptataj nur por ¾ de ilia valoro.

**PARIS**, *27, Boulevard Arago.*